mikistaj kolegoj de la **Tutmonda Banko** kiuj povus kontakti aŭ influi ene de tiu institucio, insistante al ili ke ili faru ĉion eblan por ke la ĝia burokrataro reagu.
Konvinki la personojn de la **Internacia MonFonduso** pri analizo rezultis facile; ŝanĝi la mensojn en tiu institucio estis tute ne eble. Kiam mi interparolis kun gravaj funkciuloj de la **Internacia Mon-Fonduso** eksplikante, ekzemple, kiel la altaj interezo-taksoj povus pligrandigi la bankrotojn, kio igus pli malfacile restaŭri la konfidon en la ekonomioj de la landoj de Orienta Azio, komence ili ne konsentis kun tiu opinio. Poste, ne povante argumenti kontraŭe, ili alprenis alian respondon: Mi volus kompreni la premon kiu venas de la konsilio de ekzekutivaj direktoroj de la **MonFonduso**, la organismo kreita de la financ-ministroj de la disvolvigitaj industriaj landoj kiuj aprobas ĉiujn pruntedonojn de la **Fonduso**. La signifo de tio kion ili diris estis klara. La konsilio emis esti eĉ pli rigora dum miaj interparolantoj fakte reprezentadis iun moderan influon. Miaj amikoj, kiuj estis ekzekutivaj direktoroj, esprimis ke kiuj estis suferante premojn estis ili. La afero estis freneziga, ne nur pro tio ke la inercio de la **MonFonduso** estis nevenkebla, sed pro tio ke, ĉar ĉio okazadis post-kulise, ne eblis scii kiu estis la vera obstaklo por atingi la ŝanĝon. Ĉu estis tiuj personoj kiuj urĝadis la ekzekutivajn direktorojn, aŭ estis ĉi tiuj kiuj premadis tiujn personojn? Verdire, ankoraŭ nun-tempe mi ne konas la respondon.
Kompreneble, en la **Fonduso** ĉiuj promesis al mi ke ili estos flekseblaj: se siaj disponoj reale re-zultus tro rigoraj, devigante la ekonomiojn de orienta Azio eniri en pli profundan recesion ol necese, tiukaze ili reversigos tiujn disponojn. Aŭskulti tion okazigis al mi ektremon. Iu el la unuaj lecionoj kiujn la ekonomikistoj instruas al ties universitataj studentoj estas la graveco de la inter-tempoj: iu ŝanĝo en la primona politiko (levante aŭ mallevante la interezo-takson) efikas nur post 12 al 18 monatoj. Kiam mi estis laborante en la Blanka Domo kiel Prezidanto de la Konsilio de Ekonomi-kaj Asesoroj, ni koncentris nian tutan energion por prognozo kie troviĝos la ekonomio estonte, tiele ni povus scii kiujn disponojn rekomendi hodiaŭ. Ludi ignori kion okazos estonte estas la kulmino de la frenezo. Kaj, tamen, ĝuste tion estis kion la funkciuloj de la **Internacia MonFonduso** pretis fari.
Mi ne tiel devus senti surprizon. Al la **MonFonduso** plaĉas okupiĝi de sia aferoj sen eksteruloj farante tro da demandoj. Teorie, la **Fonduso** apogas la demokratiajn instituciojn en la landoj kun kiu ĝi interrilatas. Sed fakte ĝi subfosas la demokratian procezon per la altrudo de disponoj. Oficiale, kompreneble, la **Internacia MonFonduso** "altrudas" nenion. Ĝi nur "negocas" la kondiĉojn por ricevi el ĝi monhelpon. Sed la tuta negocad-povo troviĝas en un flanko, tiu de la **Fonduso**; kaj ĉi tiu nur tre malofte koncedas sufiĉe da tempo por atingi ampleksan kunsenton aŭ eĉ por longdaŭraj konsultoj kun la Parlamentoj aŭ la civila socio.
Foje la **MonFonduso** ĉesas simuli kompletan travideblecon kaj negocas sekretajn paktojn. Al la negocantoj de la institucio ofte mankas sufiĉe da sperto en tiu lando. Plej eble okazas ke ili havas pli grandan konon pri la kvinstelaj hoteloj ol pri la kamparaj vilaĝoj. Ili laboras intense, absorbitaj en siaj kalkuloj ĝis altaj horoj de la nokto. Sed ilia tasko estas neebla. En la daŭro de kelkaj tagoj, aŭ kiel multe pluraj semajnoj, ili devas disvolvi koheran programon kiu respegulu la necesojn de la lando. Ne estas necese diri ke remaĉi numerojn tre malofte provizas komprenon pri la necesa strategio de disvolvigo por la tuta landa ekonomio. Eĉ pli malbone, la remaĉado de numeroj ne ĉiam estas bona. La matematikaj modeloj uzitas de la **MonFonduso** estas difektaj aŭ malaktualaj. Iuj kritikoj farataj al la institucio diras ke ĉi tiu konsideras la ekonomikon kvazaŭ ĝi estus iu muldilo por ellabori krakenojn, kaj tiuj kritikoj estas pravaj. Estas konate ke iuj labor-skipoj por unu lando preparis malnetaĵojn de informoj antaŭ la vizitado al la lando. Mi sciis ankaŭ pri iu malagrabla incidento okaz-inta kiam la membroj de iu skipo kopiis ampleksajn paragrafojn de informo koncerna al iu lando kaj komplete transigis ilin al alia. Tio estus povinta resti neperceptita se la funkcio "serĉi kaj anstataŭigi" de ilia komputila teksto-programo ne estus misfunkciante lasanta la nomon de la unua lando kelk-foje en la informo. Mirinde! Ne estus juste diri ke al la ekonomikistoj de la **Internacia MonFonduso** ne interesas la civitanoj de la malevoluintaj landoj. Sed la plej maljunaj homoj kiuj konstituas la membroj de la **Fonduso**, kaj plejparto el ili estas maljuna homoj, agadas kvazaŭ ili portus sur siaj ŝultroj tion, kion Rudyard Kipling priskribis kiel la ŝarĝo de la blankulo.
La spertuloj de la **MonFonduso** pensas ke ili estas pli brilaj, pli edukitaj kaj malpli politike kondiĉ-itaj ol la ekonomikistoj de la landoj kiujn ili vizitas. Fakte, la ekonomikaj lideroj de tiuj landoj estas sufiĉe kapablaj, ofte pli brilaj aŭ pli bone edukitaj ol la funkciuloj de la **MonFonduso**, kiuj, mult-okaze, estas studentoj de tria nivelo en la plej alte kvalifikitaj universitatoj. (Kredu min: mi instruis en la Universitato de Oxford, en la Instituto pri Teknologio de Massachusetts, en la Universitato de Stanford, en la Universitato de Yale kaj en la Universitato de Princeton, kaj preskaŭ neniam la **Internacia MonFonduso** sukcesis varbi la plej bonajn studentojn). En la lasta somero mi diktis seminarion en Ĉinio pri la politiko de konkurado en telekomunikado. Almenaŭ tri ĉinaj ekomikistoj ĉeestantaj la aŭditorion faris demandojn tiel kompleksajn kiel estus povintaj fari la plej bonaj mensoj de Okcidento.
Laŭ la pasado de la tempo, kreskis mia frustracio. (Oni povis pensi ke ĉar la **Tutmonda Banko** estis kontribuanta per miloj de milionoj da dolaroj por la savo-planoj, ĝia voĉo astus aŭskultata. Sed ĝi

estis ignorita tute same ol la lando kun problemoj). La **Internacia MonFonduso** insistis ke ĉio, kion ĝi petis al la landoj de Orienta Azio estis ke ili ekvilibrigu ĝiajn budĝetojn dum la recesio. Ĉu ĉio? Ĉu la Klinton-administracio ne devis batali en la Kongreso por eviti reformon de la budĝeta ekvilibro de Usono? Kaj, ĉu ne estis la baza argumento de tiu administracio tio ke, antaŭ la recesio, iom da deficita elspezo povus esti necesa? Tio estas kion mi kaj plejparto el la ekonomikistoj estis instruante al niaj studentoj dum 60 jaroj. Vere mi diras al vi: se iu studento estus doninte, en ekzameno, la respondon kiun donis la **Internacia MonFonduso** al la demando *"kiu devas esti la fiska teniĝo de Tajlando por alfronti iun ekonomian recesion?"*, li estus malsukcesinte la ekzamenon kun nul-kvalifiko.

Kiam la krizo etendiĝis al Indonezio, mia maltrankvilo estis eĉ pli granda. Nova investigado fare de la **Tutmonda Banko** montris ke la recesio en lando tiel etnisme dividita povus okazigi ĉiutipajn sociajn kaj politikajn perturbojn. Tial, fine de la jaro 1997, en kunsido de financ-ministroj kaj bank-direktoroj okazinta en Kuala Lumpuro, mi faris iun deklaracion kiun mi estis zorge preparinta kaj estis reviziita de la **Tutmonda Banko**, per kiu mi sugestis ke iu mona kaj fiska programo tro kuntiriĝinta povus konduki al politika kaj socia perturbo en Indonezio. Pluafoje, la **Internacia Mon-Fonduso** plu tenis sin en sia poziciiĝo. La administrativa direktoro de la **Fonduso**, Michel Camdessus, ripetis tie tion kion li jam estis dirinte publike: ke Orienta Azio nur devus kunpremi la dentojn tiel kiel estis farinte Meksiko. Li daŭrigis sian intervenon asertante ke spite al la kurta-tempa sufero, Meksiko eliris pli forta el tiu sperto.

Sed ĉi tiu estis absurda analogio. Meksiko ne rekuperiĝis pro tio ke la **Mon-Fonduso** devigis ĝin fortigi ĝian feblan financ-sistemon, kiu daŭre estis malforta kelkajn jarojn post la krizo. Ĝi rekuperiĝis dank' al ega ondo da eksportado al Usono, kio okazis dank' al la usona ekonomia ekspansio kaj al la "Nord-Amerika Liberkomerca Interkonsento" *(North American Free Trade Agreemen)*. Kontraste al tio, la ĉefa komerca kliento de Indonezio estis Japanio, kiu tiam estis, kaj daŭre estas nun, en ekonomia stagno. Krome, Indonezio estis politike kaj socie multe pli eksplodebla ol Meksiko, kun granda tradicio de etnisma malakordo. Reapero de tia malakordo provokus la amasan fuĝon de kapitaloj (ebligita de la manko de rigoro kiun la **Mon-Fonduso** stimulis, en la limigo de la mona fluo**).**

Sed neniu el tiuj argumentoj utilis. La **Fonduso** urĝis la reduktadon en la elspezoj de la registaro. Sekve, la subvencioj por plenumi la bazajn necesojn kiel tiuj de nutraĵoj kaj karburaĵoj estis forigitaj ĝuste kiam la politiko de restriktado igis ilin pli necesaj ol ĉiam antaŭe.

En januaro de la jaro 1988 la situacio tiel malboniĝis ke la vicprezidanto de la **Tutmonda Banko** por Orienta Azio, Jean Michel Severino, prononcis la timindajn vortojn "r" (recesio) kaj "d" (depresio) priskribante la katastrofan ekonomion en Azio. Lawrence Summers, tiama subsekretario de Financoj de Usono, atakis Severinon dirante ke ĉi tiu prezentis la aferon tiamaniere ke ŝajnis ke la situacio estis pli malbona ol ĝi reale estis. Sed, laŭ kia alia maniero oni povus priskribi tion, kio estis okazanta? La produktado en iuj el tiuj landoj kun problemoj falis 16 procenton aŭ pli. Duono el la negocoj en Indonezio estis implicite en bankroto aŭ preskaŭ kaj, rezulte de tio, la lando eĉ ne povis profiti la eblecojn eksportadi kiujn donis al ĝi la malpli alta ŝanĝo-tipo. En landoj en kiuj, esence, mankis retoj de socia sekureco, la senlaboreco kreskis dekoble kaj la realaj salajroj falis surteren. La **Internacia MonFonduso** ne nur ne sukcesis restaŭri la konfidon en la ekonomio de Orienta Azio, sed komencis subfosi la socian teksaĵon de la regiono. Kaj tiam, dum la printempo kaj la somero de 1998, la krizo etendiĝis preter Orienta Azio alveninte al la plej esplod-kapabla el ĉiuj: Rusio.

La katastrofo en Rusio kunhavis bazajn karakteraĵojn kun tiu de OrientAzio, estante simila la rolo kiun ludis la disponoj de la **Internacia MonFonduso** kaj la usona FinancMinistrejo por instigi ilin. Tamen, en Rusujo, la instigo komencis tre antaŭtempe. Sekve de la falo de la Berlina murego, aperis du skoloj kun specifaj pensoj rilate al la transiro al merkat-ekonomio en tiu lando. Unu el tiuj skoloj, al kiu apartenis mi, estis konstituita de miksaĵo de spertuloj pri la regiono, gajnintoj de la Nobel-premio kiel Kenneth Arrow kaj aliaj.

Ĉi tiu grupo emfazis la gravecon de la institucia substrukturo de la merkat-ekonomio, ekde la laŭleĝaj strukturoj kiuj igas deviga la plenumadon de la kontraktoj ĝis la laŭregulaj strukturoj kiuj igas funkcii la financ-sistemo. Arrow kaj mi estis apartenintaj al iu grupo de la Landa Akademio de Sciencoj kiu, antaŭ dek jarojn, estis pridiskutinta kun la ĉinoj ilian strategion por la transirado. Ni emfazis la gravecon promocii la konkuradon, pli ol limiĝi al la simpla privatigo de la entreprenoj de ŝtata proprieto, kaj ni apogis iun pli laŭgradan transiron al merkat-ekonomio (kvankam ni konsentis en tio ke por batali kontraŭ la inflacio eventuale povus esti necesaj fortaj disponoj).

La dua grupo estis plejparte konstituita de makroekonomikistoj, kies fido en la merkato ne kontemplis la nuancojn de ĝiaj bazoj, tio estas, la kondiĉoj kiujn bezonas la merkato por ĝia reala funkciado. Ĉi tiuj ekonomikistoj karakteriĝis pro ilia malgranda kono de la historio aŭ la specifaĵoj de la rusa ekonomio kaj ne sentis la neceson de tiu kono. La granda forto, kaj baza malforto, de la ekonomikaj doktrinoj sur kiuj ili sin apogis konkretiĝas en tio ke la doktrinoj estas, aŭ oni supozas ke devas esti, universalaj. La institucioj, la historio, aŭ eĉ la distribuado de la enspezoj, ne gravas

por tiuj doktrinoj. Bonaj ekonomikistoj estas tiuj, kiuj konas la universalajn veraĵojn kaj povas vidi preter la ensemblo da faktoj kaj detaloj kiuj mallumigas tiujn veraĵojn.
Kaj la universala vero estas ke la ŝok-terapio funcias por landoj en transiro al la merkat-ekonomio. Vero kiu ampleksiĝas kun ĉi tiu ideo: ju pli forta estas la kuracilo (kaj pli dolora la reago), des pli rapida estos la rekuperiĝo. Tiutipaj estis la argumentoj. Malfeliĉe por Rusio, la dua skolo gajnis la diskutadon en la usona FinancMinistrejo kaj en la **Internacia MonFonduso**. Aŭ pli ĝuste, ambaŭ institucioj kondutis kvazaŭ estus ekzistinta neniu debato kaj plu iris blinde tra la dua vojo. Tiuj, kiuj sin oponis al tiutipa agado ne estis poste konsultitaj dum longa tempo. En la Konsilio de pri-Ekonomiaj Asesoroj, ekzemple, estis iu brila ekonomikisto, Peter Orszag, kiu estis servinta kiel intima konsilanto de la rusa registaro kaj estis laborinta kun multaj el la junaj ekonomikistoj kiuj poste akiris influon en tiu lando. Li estis ĝuste la hom-tipo kies kompetento kaj sperto estis necesaj al la Financ-Ministrejo kaj al la **MonFonduso**. Tamen, eble pro tio ke li konis multe pri la afero, preskaŭ neniam estis konsultita.
Ĉiuj ni scias kion okazis poste. En la balotado de la jaro 1993 la rusaj voĉdonantoj aplikis severan punon al la reformistoj, el kiu, ili ankoraŭ ne tute rekuperiĝis. Strove Talbott, kiu tiam okupiĝis pri la ne-ekonomiaj aspektoj de la politiko en Rusujo, agnoskis ke ĉi tiu lando estis eksperimentita iun "*troon da ŝoko kaj malmulte da terapio*". Kaj tiu tuta ŝoko ne estis kondukinta Rusion al iu ajn vera merkat-ekonomio. La rapida privatigo urĝita al Moskvo far la **Internacia MonFonduso** kaj la usona FinancMinistrejo permesis ke iu eta grupo da oligarkoj gajnu la kontrolon de la ŝtataj rimedoj. La **MonFonduso** kaj la FinancMinistrejo estis modifintaj la ekonomiajn stimulojn en Rusujo, kio estis bone, sed laŭ erara maniero. Ne atentinte sufiĉe pri la institucia substrukturo kiu permesus la floradon de iu merkat-ekonomio, kaj plifaciliginte la fluado de kapitaloj ene kaj ekster Rusio, la **Mon-Fonduso** kaj la FinancMinistrejo starigis la bazojn por la disrabado de la oligarkoj. Dum al la registaro mankis mono por pagi al la pensiuloj, la oligarkoj sendadis al bank-kontoj en Cipro kaj Svisio la monon akiritan per la predado kaj la vendado de altvaloraj landaj rimedoj de la lando.
Usono implikiĝis en tiu abomenindaj okazintaĵoj. Meze de la jaro 1998, Summers, en la antaŭtago de lia nomumo kiel sukcedanto de Robert Rubin kiel Ministro pri Financoj, reale igis publikan spektaklon lia ĉeesto apud Anatoly Chubais, la ĉefa arkitekto de la privatigoj en Rusio. Per tiaspecaj faroj Usono ŝajne enviciĝis kun la samaj fortoj kiuj malriĉigadis la rusan popolon. Ne estas strange ke en tiu lando la kontraŭusonanismo rapide disvastiĝis.
Komence, spite al la altrangigo de Talbott, la veraj kredantoj ene de la Financ-Ministrejo kaj la **Mon-Fonduso** daŭre insistadis en tio ke la problemo ne estis tro da terapio sed malmulte da ŝoko. Sed, meze de la jardeko de la 90aj, la rusa ekonomio daŭre dronadis. La produktado falis duonon. Kompare al la soveta epoko, kiam nur 2 procento el la loĝantaro vivadis malriĉe, la "*reformo*" vidis kiel la indikiloj de malriĉeco plialtiĝis preskaŭ 50 procento, kun pli ol duono el la geinfanoj de Rusujo misvivante sub la limo de malriĉeco.
Nur lastatempe la **Internacia MonFonduso** kaj la usona FinancMinistrejo rekonis ke la terapio estis neatentita, kvankam nun ili insistas ke ili ĉiam diris tion. Hodiaŭ Rusio daŭre troviĝas en stato de senespero. La altaj prezoj de la nafto kaj la longatempe rezistita deprecado de la rublo helpis iome reboniĝi. Sed la vivnivelo daŭre restas multe malsupre ol ĝi estis komence de la transira procezo. La lando konas enorman malegalecon kaj plejparto el la rusoj, afliktitaj pro la sperto, perdis la konfidon en la libera merkato. Iu signifa malleviĝo de la prezo de la nafto sendube ruinigus la modestan progreson kiun oni atingis.
Orienta Azio troviĝas en pli bona situacio, kvankam ankaŭ tie oni devas plu batali. Proksimume 40 procento el la pruntedonoj de Tajlando ankoraŭ ne estis rekuperitaj; Indonezio plu restas enkotigita en la recesio. La senlaboreco estas ankoraŭ multe pli granda ol ĝi estis antaŭ la komenciĝo de la krizo, eĉ en landoj de Orienta Azio kiuj pli bone disvolviĝis, kia estas la kazo de Koreujo. La partianoj de la **MonFonduso** sugestas ke la fino de la recesio atestas pri la efiko de la disponoj de tiu agentejo. Absurde. Ĉiu recesio fine ĉesas. Ĉio farita de la **Fonduso** kondukis al la plej profundaj, longaj kaj severaj recesioj en Orienta Azio. Reale, Tajlando kiu plej strikte plenumis la disponojn de la **MonFonduso**, rezultis pli damaĝita ol Malajzio kaj SudKoreŭjo, kiuj sekvis vojojn pli sendependajn.
Ofte oni demandis al mi kial sagacaj, eĉ brilaj personoj, povis ellabori tiajn malbonajn ekonomikajn disponojn. Iu kialo estas tio ke prudentaj personoj ne praktikis pravan ekonomikan politikon. Foje kaj foje mi restis konsternita vidante kiome malaktualaj kaj ekster la realo estis la modeloj de Vasingtono uzitaj de la ekonomikistoj. Ekzemple, makroekonomiaj problemoj kiaj la bankroto kaj la timo al nesolventeco troviĝis en la centro de la krizo de Orienta Azio. Sed la makroekonomikaj mo-deloj uzitaj por analizi ĉi tiujn krizojn ne estis tipe enradikigitaj en mikrofundamentoj, tiamaniere ke tiuj modeloj ne prikonsideris la bankrotojn.
Sed la malbona ekonomio estis nur simptomo de la baza problemo: la sekretemo. La sagacaj perso-noj estas pli inklinaj konduti stultece kiam ili izoliĝas el la kritiko kaj la konsilo kiuj venas de ekste-re. Io kion mi lernis estante en la registaro, estas tio ke la malfermo estas pli esenca en tiuj terenoj

kie la lerteco ŝajnas esti pli grava. Se la **Internacia MonFonduso** kaj la Financ-registaro estus pretaj ricevi alies alportaĵojn, ilia nescio estiĝus evidenta tre antaŭe. Kritikistoj de dekstrularo, kiaj Martin Feldstein kaj George Shultz, respektive, prezidanto de la Konsilio de priEkonomiaj Asesoroj kaj Ŝtat-Ministro de Reagan, unuiĝis al Jeff Sachs, Paul Krugman kaj mi por kondamni tiujn disponojn. Sed, kun la **MonFonduso** insistante pri tio ke sia politiko troviĝis preter kritikoj, kaj sen iu ajn institucia strukturo kiu devigu ĝin atenti pri ili, niaj kritikoj restis senutilaj. Iuj pli timidaj kritikantoj, eĉ internaj, ĉefe tiuj sub rekta demokratia respondeco, estis silentigitaj. La usona Financ-Ministrejo tiel estas aroganta rilate al siaj ekonomiaj analizoj kaj disponoj, ke ofte strikte, tro strikte, kontrolas eĉ tion kion la prezidento vidas.
Malferma diskutado pri la afero estus vekinta profundajn demandojn pri kiuj ankoraŭ oni malmulte atentas en la usona presaro: Kiomgrade la Financ-Ministrejo kaj la **Internacia MonFonduso** defendas disponojn kiuj reale kontribuis al la alta tutmonda ekonomia volatileco? (La usona Financ-Ministro impulsis la ekonomian liberaligadon en Koreujo en 1993 eĉ kontraŭ la opono de la Konsilio de priEkonomiaj Asesoroj. Tiu Ministrejo gajnis la internan batalon en la Blanka Domo, sed Koreujo, kaj la mondo, pagis altan koston). Ĉu iuj el la akraj kritikoj de la **MonFonduso** en Orienta Azio estis faritaj kun la intenco distri la atenton pri la propra kulpeco de la agentejo? Kaj pli grave, Ĉu Usono kaj la **Internacia MonFonduso** impulsis tiujn disponojn tial ke ni, aŭ ili, pensis ke tio helpus Orientan Azion aŭ ĉar ni pensis ke tio favorus la financajn interesojn de Usono kaj de la disvolvigita industria mondo? Kaj, se ni pensis ke nia ekonomika doktrino helpus Orientan Azion, kie estas la pruvo? Kiel partopreninto en ĉi tiu diskutado, mi klopodis vidi la pruvon. Estis neniu pruvo.
Ekde la fino de la malvarma milito estis metita ian enorman povon en la manojn de personoj kies tasko estas alporti la evangelion de la merkato al la plej malproksimaj anguloj en la terglobo. Ĉi tiuj ekonomikistoj, burokratoj kaj funkciuloj agadas nome de Usono kaj la ceteraj disvolvitaj industriaj landoj, kaj tamen ili parolas iun ligvaĵon kiun malmultaj ordinaraj civitanoj komprenas kaj kiun tre malmultaj el tiuj kiuj desegnas la politikon sin degnas traduki. La ekonomika politiko estas hodiaŭ la plej grava parto de interagado de Usono kun la cetero de la mondo. Kaj tamen, la kulturo de la internacia ekonomika politiko ekzistanta en la plej potenca demokratio de la mondo ne estas demokratia.
Ĉi tio estos kion intencos diri la manifestaciantoj kiuj krios de ekstere en la areoj de la **Internacia MonFonduso**. Kompreneble, la stratoj ne estas la plej taŭga loko por pridiskuti ĉi tiujn tre kompleksajn temojn. Iuj el la plendantoj ne pli interesiĝas pri la malferma diskutado ol la funkciuloj de la M**on-Fonduso**. Ne ĉio dirata de la plendantoj estos ĝusta. Sed se la personoj al kiuj ni konfidas la demarŝadon de la tutmonda ekonomio, en la **Internacia MonFonduso** kaj la usona Financ-Ministrejo, ne komencas dialogi kaj serioze prikonsideras la kritikojn kiujn oni faras al ili, la situacio plu restos malbone, tre malbone. Mi jam vidis kio okazas.

**Joseph Eugene Stiglitz** (naskiĝis la 9an de februaro 1943 en Gary, Indianao, Usono). Li estas usona ekonomikisto. Li ricevis Nobel-premion pri ekonomio en 2001 pro ellaboro de la ĝenerala koncepto de la asimetriaj merkataj informoj kaj pro bazigo de la informatika ekonomiko (kun George A. Akerloffalkaj Michael A. Spence).
Li analizis en multaj terenoj de la ekonomiko. Lia plej fama esploro estas pri la ***screening***, iu tekniko uzita de unu ekonomika agento por eltiri la privatan informon de alia. Ĉi tiu grava kontribuo al la teorio de la asimetria merkata informado pridiskutas la tradician ekonomikan teorion kiu asertas ke la merkatoj ĉiam estas efikaj esceptante iujn limigitajn kaj malgravajn misfunkciadojn. La studoj de Stiglitz kaj aliaj revokas tiun teorion: nur sub tre specialaj cirkonstancoj estas efikaj la merkatoj. Stiglitz kaj Green-wald montras ke kiam la merkatoj estas ne-kompletaj kaj/aŭ la informado estas malperfekta (kio okazas ofte en ĉiuj ekonomioj), eĉ en iu merkato kun konkurado, preskaŭ ĉiam estas skemoj de registara interveno kiuj povas provoki rezultojn por ĉies profito. Kvankam ĉi tiuj konkludoj kaj la ĝeneraliĝo de la misfunkcioj de la merkato tute ne garantias ke la ŝtato amplekse intervenu en ĉiu ajn ekonomio, klarigas ke la "plej bona" rango de rekomendindaj registaraj intervenoj estas multe pli granda ol rekonas la tradicia skolo. Por Stiglitz, ne ekzistas la t. n. *"nevidebla mano de la merkato"*.
Nuntempe la vera debato intencas trovi la ĝustan bilancon inter la merkato kaj la registaro. Ambaŭ estas necesaj; povas kompletigi unu la alian. Tia bilanco estus malsama laŭ la epoko kaj la loko.
La teorio elaborita de Stiglitz eksplikas kial la merkatoj sen baroj, ofte, ne nur ne atingas la realigadon de la socia justeco, sed krome eĉ ne produktas efikajn rezultojn. Kaŭze de ies interesoj ankoraŭ ne ekzistis ia intelekta defio por refuti la teorion formulita de Adam Smith pri la ne-videbla mano de la merkato. Tiu supozita ento gvidas nek la ulojn nek la entreprenojn –kiuj celas sian propran intereson- al la ekonomia efiko.

Frédéric LORDON

# Financaj krizoj, kaj nenia instruo tirata

La aŭtoro de ĉi tiu artikolo estas ekonomikisto, direktoro de reserĉado en CNRS (Franca Centro de Scienc-Esploro). Li verkis, en la franca lingvo: *La politiko de la kapitalo*, 2002; *Kaj la virto savos la mondon*, 2003; *Ĝis kiam? Por meti finon al la financaj krizoj kaj kiamaniere eviti ilin*, oktobro 2008; *Konfliktoj kaj povoj en la institucioj de la kapital-ismo*, 2008.
La teksto estis esperantigita de Vilhemo Lutermano kaj publikigita de **Le Monde diplomatique**, el kies ret-paĝo ni prenis ĝin.



Aliloke oni estus juĝinta la decidon „popolisma". Sed estas ĝuste en Londono, bastiono de la City kaj financa pulmo de Eŭropo, kie la registaro de S-ro Gordon Brown decidis ŝtatigi grandan bankon en malfacilaĵo, la Northern Rock. Certe, temus nur pri „provizora transigo de proprieto al la publika sektoro". Estas tamen ĝuste en la patrujo de s-ro Margaret Thatcher kie la ŝtato intervenas. Ĝiaj taskoj : forviŝi la ŝuldojn, post esti jam garantiinta la deponojn sur publikaj fondusoj, do engaĝiĝo de 55 miliardoj da sterlingaj pundoj (72 miliardoj da eŭroj) ; poste forpeli la malbonajn pagantojn - tiuj kiuj senpripense enŝuldiĝis. Post la purigado, la banko devos reveni al la privata sektoro, laŭ malnova principo : ŝtatigo de perdoj kaj privatigo de profitoj. Germanio helpis la IKB Deutsche Industriebank. En Usono, Citygroup kaj Merrill Lynch devis alvoki la helpon de suverenaj fondusoj de Azio kaj de Proksim-Oriento. Tiuj financaj skuoj ne estas senprecedencaj. Ili estas antaŭvideblaj kaj okazas en movado de malreguligado kiu, en Francio, komencis antaŭ ĝuste dudek-kvin jaroj.

EN LA MOMENTO en kiu novaĵoj ĝenerale konsiderataj bonaj estas tuj perceptataj kiel malbonaj, la graveco de la krizo estas pruvita. La usona Federacia Rezervo (Fed) malaltigas plurfoje siajn kvotojn ? Tio estas neniam sufiĉa. Ĝi anoncas, la 12-an de decembro 2007, interkonsente kun la aliaj grandaj centraj bankoj, nekredeblan larĝigon de siaj proceduroj de refinancado [1] ? Tio estas, ĉar la situacio estas pli malbona ol oni imagis. La 17-an de januaro, ĝia prezidanto, s-ro Ben Bernanke, pledas - fakto senprecedenca - por kreskigo de la buĝeta relanĉo ? Tio estas do ĉar la Fed, elĉerpinte siajn ag-eblecojn, petas la helpon de la ŝtato.

Kaj, kvazaŭ temus nur pri la unua akto de komedio iom peze organizita, jen s-ro George W. Bush anoncas jam sekvamatene pakaĵon da relanĉ-disponoj preskaŭ precize alĝustigita al la „proponoj" de la centra bankisto - se tiuj du komencas kunordigi tian skeĉon, tio estas ĉar la situacio estas serioza... Tia paneiĝo de la klasikaj receptoj de la ekonomia politiko estas la plej sensacia signo, kaj la plej zorgiga, de la profundeco de la konfuzego de la financo, kiu estas jam nur bloko de maltrankvilo kaj jam ne respondas, aŭ malkohere, al la gvidaĵoj de la monpolitiko.

La ĉiutaga raporto de la borsaj movadoj, kiuj alie restas nekompreneblaj aŭ dissolvitaj en la ĥaoso de la novaĵoj konstante kraĉataj de la agentejoj de financa informado, alprenas sencon nur se oni metas ilin en mezlongan tempospacon, kiu donas al la nuna krizo ĝian apartan profilon, ĉefe ĝian daŭron. La amikoj de la sistemo, kiuj urĝe asertas la sendanĝerecon de evento konsiderata neglektinda kaj anoncas la revenon al la ordo jam en somero, estos certe elrevigotaj : iliaj skribaĵoj restas... kaj la krizo ankaŭ.

Ĝi havas bonajn kialojn. Ĉar, por imagi ke la epizodo foriĝas kun la facileco de ajna merkat-anomalio, oni devus komplete forgesi ĝian kaŭzon : la deliran rekrutadon de kohortoj da familioj en la plej pezan formon de ŝuldo, la hipotekan prunton. Per returniĝo kiu havas ĉiujn ecojn de imanenta justeco, la klaŭzo de reset [2], kiu unue efikis mirakle por rekruti amase la klientojn kaj puŝi la prezojn de nemoveblaĵoj al pintoj - kaj kun ili la spekulaj profitoj pri la derivaĵoj -, fariĝis nun la malbeno de la financo. Kaj ĝi, kiu tiom emas vivi en la tujeco, troviĝas devigata kompromisi kun nepagitaĵo de enŝuldiĝintaj familioj je kiuj oni ne seniĝas kiel oni likvidas danĝeran kontostaton. La pinto de la resets, do de tiuj kvoto-altigoj kiuj ĵetas la familiojn en nepagipovecon, devus esti atingota en marto-aprilo 2008.

Supozante - favora hipotezo - ke la rekrutadoj de kredit-kandidatoj ĉesis komence de 2007, oni devas do atendi la komencon de 2009 por esti sorbinta la amason da potencialaj bankrotuloj, kies sorto havas strikte nenion interesan por la financo, se iliaj vulgaraj ruiniĝoj ne estus ankaŭ la kaŭzo de la kolapso de la spekulaj produktoj derivitaj de iliaj nemoveblaĵ-kreditoj - la malriĉuloj tute ne scias esti je la alteco de la kreivo de la riĉuloj. Jen do kiel la financo, kiu ŝatas nenion tiom kiel la disponeblon de la fluaĵoj, remalkovras la inertecon de la stokoj : tiuj homoj, kiujn ĝi traktis kvazaŭ hipotekan kanon-karnon, estas nun nur ĝenaĵoj.

Dum tiu tempo, la ruinigo etendiĝas. Ĝi tuŝas kategorion de agantoj pri kiu neniu aŭdis paroli ĝis nun : la monolines, tiuj specialiĝintaj institucioj kiuj asekuras la posedantojn de bilaroj de obligacioj (ĝenerale fondusoj aŭ bankoj). Dum ili estis unue pace okupataj kovri la simplegajn riskojn de urbaj obligacioj en Usono [3], ili ricevis la febron kiel ĉiuj, kaj ili estis logike tentataj asekuri tiom pli allogajn produktojn, kies eksplodanta amplekso garantiis sukan spezon kaj kiujn ĉiuj plezure konsideris kiel same malmulte riskaj kiel la plej bonajn obligaciojn : la derivaĵojn de subprime, kompreneble !

Kiu miras pri la sekvo ? La du plej gravaj monolines, MBIA kaj Ambac, estas en kvazaŭ-bankroto ; bankoj kaj fondusoj estas invititaj al ilia urĝa rekapitaligo - nu, tiuj kiuj tion povas. La afero ne estas nur anekdota, ĉar la difektiĝo de la borsaj kvotoj de monolines havas kiel reguligan sekvon la devigon de simila reviziado de la kvotado de ĉiuj titoloj kiujn ili asekuris... kaj kies valoro tia kia enskribita en la bilanco de iliaj klientoj - la bankoj asekuris tiel siajn kolosajn volumenojn de derivitaj produktoj - estas sekve reviziota al malsupro.

Laŭ tiu kalkulo, la eliro el la krizo estas des malpli sur la tagordo ĉar la vigleco de la financa kolapso intertempe komencis disvastigi siajn plej venenajn efikojn. La difektiĝo de la bankaj bilancoj, sekve al la perdoj pri la derivaĵoj de subprime, la persistaj tensioj en la interbanka disponeblo, pro la ekstrema malcerteco kiu igas ĉiujn rigardi sin reciproke kiel eblajn pestulojn, kondukas fatale al ŝrumpado de la kredito, kiu suferigos la produktan ekonomion, kiom ajn distanca ĝi estas de la spekulaj ĵonglaĵoj. Per rezistemo al konfeso, simila al tiu de la organaj intelektuloj de la liberalismo, la financaj institucioj bezonis pli ol ses monatojn antaŭ ol aliĝi al la ideo de venonta malrapidiĝo de la kresko kaj de ebla malkresko.

Nu, la fakto, ke la ideo de malkresko instaliĝas en la spiritoj, ŝanĝas multon, aparte en la etendiĝo de la financa kampo destinita al malstabiligo. La pli fortaj skuoj de la akci-merkatoj, komence de 2008, atestas tion. Ne estas tiel ke ili okazis de ok monatoj en olimpia maniero. Sed la kurzaj malaltiĝoj estis unue limigitaj al la bankaj valoroj - estas vere unuavice... Poste senteble pli forte, ekde septembro, en la periodoj en kiuj la sekiĝo de la monmerkato kaj la maleblo tie akiri sumojn devigis multajn instituciojn urĝe vendi parton de siaj akcioj por havigi al si urĝe disponeblan monon. En la momento, en kiu la perspektivo de malrapidiĝo preciziĝas, estiĝas kun ĝi ĝenerala demandado pri la aktiveco kaj la profiteblo de ĉiuj sektoroj.

Tiu probabla eniro de la akcimerkatoj en malaltiĝan ciklon promesas kelkajn krudajn flank-efikojn. Aparte en la sektoro same diskreta kiel sentema de la private equity, tiu formo de akcia kapitalismo kie la entreprenoj juĝataj promesplenaj estas komplete aĉetataj, elprenataj el la Borso, restrukturataj per la hakilo, kun la destino, post du aŭ tri jaroj, esti grase revendataj, plej ofte per reenkonduko en la Borson. [4] Sed, se tiu montriĝas malvigla, oni forgesu la distrumpetatajn reenkondukojn kun stelbrilaj kurzoj. Do, la „malbukado" de multaj operacioj de private equityanonciĝas aparte delikata, ĉu ĉar la plusvaloroj ne alvenas, ĉu ĉar necesas prokrasti la „eliron" al la akirontoj kaj porti la ŝuldon multe pli longan tempon ol planite. Ĉar tiuj operacioj estis financitaj de eksterordinaraj kreditsumoj, donitaj kelkfoje en kondiĉoj same riskaj kiel la subprime... kaj la bankoj vidas veni la momenton en kiu bonaj tranĉoj de iliaj nepagitaj kambioj de private equity siavice falos en la kategorion de „malbonaj kreditoj" - kun ĉiaj malplivaloriĝoj kiuj sekvos.

Rekta malaltiĝo de la valoro de siaj akcioj, malrapidiĝo de iliaj generaj aktivecoj [5] kaj de fuzioj-akiroj, minaco por la kreditoj de private equity (kaj ankaŭ por multaj aliaj : kreditoj por konsumado, kreditkartoj...), reduktiĝo de la profito de trading en la malaltiĝaj merkatoj : ĉio, en la ekonomia malrapidiĝo, kunefikas por ronĝi la financan situacion de la bankoj kaj malaltigi ilian emon pruntedoni. En la mire bela mondo de la financo, la krizo nutras la krizon...

Ĉio ĉi ne falis el la ĉielo. Kontraŭ ĉiuj tiuj kiuj, kiel s-ro Daniel Bouton, prezidanto de la Société Générale, pensas kvitiĝi kun tiuj eventoj per la tezo de la „malagrabla vojakcidento", disponebla por esti remaĉata sur ĉiuj niveloj, de la malhonesta trader - „teroristo", laŭ la vorto de s-ro Bouton - ĝis la „manko de bonŝanco" pri la subprime, necesas memorigi kiom tiuj eventoj estas la pure logikaj esprimiĝoj de la merkat-financo.

Kiu povus miri ke la agantoj de la financoj postkuras ĉiajn okazojn de glutado ; ke se necese ili inventas ilin per „ennovigoj" kiuj kredigas al ili dum certa tempo ke ili liberiĝis el la risko ; ke ili pafas sin sur ĉia altiĝa viglaĵo kaj transformas ilin tuj en vezikon ; ke apenaŭ kapablaj superrigardi sian individuan riskon ili sentas sin neniel koncernataj de la ĝenerala risko ? Kiu povus miri ke tio regule finiĝas en katastrofo, kaj ĉefe kiu povus miri pri tio, dum tio estis la celo mem de la financa malreguligo, nome forigi ĉian

baron al la agado de la investistoj kaj rekonduki sen la plej eta restrikto al la plej maniiga formo de profito kaj al la plej forta konsterno-povo : la financa rentabilitato ?

La Société Ĝénérale imitaĉas Goldman Sachs

SINJORO BOUTON estas en aparte malbona situacio por pledi pri „eksternorma akcidento kaj tute bedaŭrinda” [6], li kiu prezidas la Société Générale en kiu oni povus vidi perfektan resumon de dudek-kvin jaroj da iom-post-ioma glitadoj al la deliro. Ĉar tiu banko, kun la tradicio de detal-banko de certa klasikeco kiu instigas modere al epopea raporto, kun siaj agentejoj, siaj giĉetoj kaj siaj mezaj kadroj, iom malforta en la afer-banko, estis malfrue mordita de la tarentulo de tutmondiĝo, revo de rafiniteco kaj de trembrilaj ekranoj, imitaĉas la prestiĝan Goldman Sachs, lernas la anglan, instalas siajn boys en Londono kaj fine spiras la grandan aeron de la kapital-merkatoj - ion alian ol renovigi la krediton de la kaldronisto en franca urbeto. Pro tio, kiam s-ro Bouton defendas sin en Le Figaro ke „la modelo de la Société Générale estas absolute ne atingita nek kontestita” [7], necesas kompreni precize la malon : la modelo, kiu estas cetere ne nur tiu de la Société Générale, sed ja la lia aparte, ĵus ricevis belan baton, kaj sub la floslinio. La fascino por la merkatoj, kiu multon enspezigis al li, pretiĝas multe kosti al li. Tiel, iom pli videbla ol la aliaj, kiel ĉiam la malfrue venintoj. la Société Générale bonege ilustras tiun nekredeblan distordiĝon de la banka universo direkte al la merkatoj, kiu estis la magneteca efiko de la malreguligado.

Ĉiuj neadoj de la mondo ne malhelpos ke la nuna krizo aperos tia kia ĝi estas : sperto en vera grandeco, la demonstrado de la esence propra malbonfaro de la merkatoj, kaj de merkataj agantoj, ekster ĉia kontrolo. Sed tiu sperto ne estas la unua de tiu speco, kaj ŝajnas ke oni neniam tiras ian instruon de ĝi.

Ĉu la Interret-bankroto de 2000 [8] ne ludis al ni jam la bombastajn scenojn de la krudeco kaj fraŭdo, de la solena alvoko al travideblo, al regulado kaj al la reintegrado de la eksterbilancaĵoj ? „Neniam plu tion”, ĵuris ĉiufoje la financo, kiam ĝi ekiris por nova rondiro. Sed ĝiaj ebriaj ĵuroj kaj la plej aflikta ideo ke ĝi fabele kaj sole riĉigas sin dum la altiĝo, poste endanĝerigas la tutan ekonomion dum eksplodo de ĝiaj malkapabloj, kaj por fini devigas la publikajn potencojn savi al ĝi la vetaĵon tie kie oni lasus fali ian ajn ordinaran bankrotulon, furioze emigas frakasi la budon, ŝajne la sola solvo por ke tio estu vere la „lasta fojo”.

Iom pli analiza bilanco de la „plenumadoj” de la malreguligita financo, kie la kaŭzitaj malutiloj estas videble tiom pli grandaj ol la faritaj servoj, devus almenaŭ konvinki pri la urĝeco rompi kelkajn radarojn de ĝi. Kontraste al kion oni diras, ne mankas ideoj pri tio. La Tobin-imposto estis unu, antaŭtempe forgesita. En sia propra registro, la SLAM[Shareholder Limited Authorized Margin (SLAM), aŭ permesita limigita akcia marĝeno. Vd „Fine dispono kontraŭ la ekscesoj de la financo, la SLAM !”, Le Monde diplomatique en Esperanto, februaro 2007.]] kiel projekto limigi la permesatan akcian rentabilitaton kaj tiel forigi la instigojn senfine intensigi la ekspluatadon de salajruloj, estas kroma. La skemo de dupartigita monpolitiko, por financi je diversaj interezo-kvotoj la produktan ekonomion kaj la spekulan ekonomion, estas tria. [9] Laŭ la modelo de la Glass-Steagall Act en Usono post la kolapso de la 1930-aj jaroj [10], kial ne pensi pri starigo de hermetika disigo inter komercaj bankoj kaj merkatbankoj ? La inspiro-komuneco kun la antaŭa dispono estas sufiĉe evidenta, nur ke la principo de la hermetika vando havas kiel kroman econ mildigi senteble la transigon de la financaj detruoj al la reala ekonomio, tra la kanalo de la kredito.

Viaj salajroj malaltiĝas ? Enŝuldiĝu !

TIU KIU ŜATUS iri ankoraŭ iom pli profunden povus rimarki ke, se montriĝas ke la franca ekonomio suferos malpli ol aliaj la krizon de la subprime, kiel oni kelkfoje aŭdas, tio estas ĉefe ĉar ĝi iris malpli antaŭen ol aliaj en la ĝeneraligita malreguligado... al kiu puŝas nin tamen kun fervoro la „reformistoj”, liberaluloj kaj socialistoj kune ! Plej rimarkindas ilia konstanteco de la nun kvardek-kvin jara ardo per kiu ili lanĉis la „grandan transformiĝon” - kaj kiu ne ĉesis montri siajn malutilojn. Oni kontraŭdiros ke ĝi ne malutilas al ĉiuj. Certe. Sed, persista strangaĵo eĉ je dudek-kvin-jara distanco, ĝi malutilas senkonteste ĉiujn tiujn, kiujn la Socialista Partio estas supozata defendi. Ĉar, terura verdikto de la aritmetiko : 2008 - 25 = 1983, do estis „ili” je la povo. Por esti preciza, oni devus kalkuli iom pli larĝe : 1983-1986 - kaj oni miras pri la malmulta tempo bezonata por ŝanĝi la vizaĝon de la franca socio. 1983 : la turniĝo de la ekonomia politiko, sed ĉefe la granda ideologia malriglado (vidu la artikolon de François Denord [p. 18]). 1984, ŝarĝita jaro : unue la ordono de la socialista ĉefministro Laurent Fabius al la publikaj entreprenoj havi kiel celon jam nur la profiton, tiel proklamante la vanecon de ilia statuso de ŝtatigitaj kaj preparante fakte la privatigojn ; poste la eŭropa pintkunveno de Fontainebleau, antaŭĉambro de la Unueca Akto kaj de la „Granda Merkato”, do de la „libera kaj sendifekta konkurenco”. 1986 : la financa malreguligado. Tio multas por tiom malmultaj jaroj.

Certe la franca socio de tiam ne ĉesis manifesti fifaman ribelemon al la plena plenumado de la brila destino tiam fabrikita por ĝi. Je ĝia senkulpigo oni devas rekoni ke la priparolata destino havas la ĝenaĵon vidigi en regulaj intervaloj ke ĝi havas ĉiujn ecojn de plago, „demonstraĵoj" al kiuj la financaj krizoj alportas senkontestan helpon. Tiurilate, la nuna krizo renkontas cetere ĝeneralan konjunkturon de la plej maloportunaj manieroj kaj vidigas sub nova lumo la koherecon, sed en la malutileco, de la „kompleta modelo" kiun oni volus ke ni adaptu ĝin.
Ĉar ĝi faras konstantan premon, kaj senĉese kreskantan, sur la prezoj, do sur la kostoj, kaj fine sur la salajro-koston, la konkurenco starigas efektive reĝimon de „prezo-salajroj" en kiu ĉia diskuto pri la aĉetpovo estas tuj resendata al la sola demando de la prezoj - kiam la salajrulo postulas, oni respondas al la konsumanto... Sed la malaltiĝo de la prezoj kiun oni servas al tiu estas la sama kiu malaltigas la nominalan salajron de la unua ! La salajruloj ĵetitaj surstraten per plano de delokado ne havas alian rimedon ol fari siajn aĉetojn en la hard discount, kiu estas la plej sovaĝa ekstremaĵo de la konkurenca ĉeno, kaj aktivigas precize ĉiujn meĥanismojn kiuj ĵus kaŭzis ilian malbonŝancon. La salajruloj, defendante sin, tiel „pravigas" la sinsekvon kiu mistraktas ilin, kaj kontribuas, manke de ĉia alia solvo, al ĝia daŭrigo.[Vd Serge Halimi, „Wal-Mart, entrepreno de la 21-a jarcento", Le Monde diplomatique en Esperanto, januaro 2006.]] El tiu rimarkinde perversa cirklo rezultas reĝimo de konstanta malalta premo de la aĉetpovo, kiu en la sekvo malvigligas la konsumadon kaj la ĝeneralan postulon.
Sed la liberala modelo flatas sin alporti mem la solvojn al siaj propraj problemoj. Ĉar la rimedo kontraŭ la esence propra konsumo-manko de la konkurenca „prezo-salajro"-reĝimo trudiĝas kiel evidentaĵo: enŝuldiĝo ! Se la aĉetpovo de la mastrumaĵoj stagnas aŭ malkreskas, sed kiam la kapitalo malgraŭ ĉio postulas internajn vendojn, kio estas pli logika ol per kredito etendi la elspezo-povon de la salajruloj trans ilia enspezo ? Oni ne miru ke en Usono kaj Britio, kiuj, sur tiu deklivo, „avancas" je kelkaj korpolongoj, la enŝuldiĝo-kvoto de la mastrumaĵoj proporcie al ilia disponebla enspezo estas respektive je 120 % kaj 140 %...
La prezidanto Nicolas Sarkozy flatas sin ke ne estas tiel en Francio. Sed ĉio kion li faras kondukas tien, aŭ pli ĝuste kondukas pli rapide tien, ĉar tiu kvoto, de 68 % en 2006, laŭvorte eksplodas ekde dek jaroj... dato de instaliĝo en reĝimo de „neta tutmondigo", kiu trovas ĉi tie unu de siaj plej karakterizaj simptomoj. Jen kial la brita kaj usona ekonomioj estas suferontaj pli ol la aliaj : la kredito por konsumado estas tie nepra valvo, kaj tiu pretiĝas al brutala fermiĝo. Kaj jen kial la franca ekonomio estas baldaŭ sekvonta ilin, danke aparte al la meritoplenaj klopodoj de la komisiono Attali, kiu, sendube movata de scienca spirito, planas fari kelkajn etapojn en la konkurenca malreguligado por esti tute certa ke la samaj kaŭzoj sekvigos la samajn efikojn [11]...
Estas tamen en la amasa financa partopreno de la salajrularo ke la liberala kunteniĝo atingas ne supozitajn gradojn de rafiniteco. Simetria deklivo de la fremdigo per ŝuldo, ĉi-foje estas la ŝparaĵo la rimedo. La bankroto de la financ-institucioj ne ĝuste sukcesas larmigi nin... ĝis la momento en kiu oni demandas sin pri la origino de la fondusoj perditaj de ili. Nu, estas ja, parte, per la ŝparaĵo de la salajruloj ke tiuj institucioj ludas kaj perdas. Ankaŭ ĉi tie, la franca kazo daŭre estas relative escepta, ĉar la plej multaj salajruloj havas apenaŭ la rimedojn por iri transe de sia ŝparlibro kaj nur la plej bonstataj aliras la merkat-investojn - per kiuj cetere la spekulaj akcidentoj, kiuj punas ĉefe la duajn, havas la neatenditajn ecojn redukti la malegalecojn. Bonŝance ankaŭ tie la ekzemplon montras la britaj-usonaj ekonomioj, kiuj havis la interesan ideon ĵeti tra la fenestro la sistemojn de solidara pensio por kapti eksterordinarajn amasojn da salajrula ŝparaĵo puŝita sur la merkaton tra la pensio-fondusoj. Aparta ĉarmo de la „financa universaleco": estas ĉiuj salajruloj kiuj suferas kiam la merkatoj plonĝas. S-ro Sarkozy ankoraŭ ne estas ĉe la pensi-fondusoj - almenaŭ laŭ la ago... -, sed la ideo de la „stok-opcioj por ĉiuj" estas ja el la sama metalo. Trovi anstataŭaĵon por la rekta salajro - kies altigo, oni nun bone komprenis, jam ne estas sur la tagordo - estas jam per si mem fraŭda manovro, sed realigi ĝin elmetante la salajrulojn rekte al la malstabilecoj de la financo, kaj provante igi ilin solidaraj kun tio kio, en la plej multaj kazoj, submetas ilin, tio estas multo, eĉ iomete tro.
Kaptitaj en la maŝo de la konkurenco, kiu malaltigas la prezojn nur per malaltigo de la salajroj, en la servuto de enŝuldiĝo fariĝinta same necesa por vivi kiel la enspezo por vivi, la salajruloj havas, por kroni ĉion, la ŝancon esti turmentataj je siaj kostoj, ĉar la ŝparaĵo kiun uzas la akcia financo, tiu kiu postulas senfinan profiton, tiu ŝparaĵo estas ja la ilia ! Kaj la perverseco limas ĉe estetiko kiam, unuflanke, ĉiuj akcidentoj de la financo estas destinitaj fali sur ili, ĉar estas ili kiuj pagos la kresko-perdojn, kaj kiam - belega finalo -, fariĝas malpermesate tuŝi kion ajn de la financaj strukturoj kun la kialo - bone pravigita,

ebla minaco al la usona lidereco. Ne temas pri respondo al agreso, sed malebligi ĝin. Usono ne tolerus la formadon de iu ajn potenco, kiu povus minaci sian plejsuperecon. Estis la oficiala proklamo de la usona imperiismo por ke estu nenia dubo.

D. Kaj vi pensas ke tia imperiismo povas esti pravigita nuntempe?

R. Samkiel ĉiuj imperioj, Usono submaskas siajn intencojn kaj sin pravigas antaŭ la mondo per la promeso esti la gardisto de la mondpaco. En LatinAmeriko la konkero de la tero de la indiĝenoj ĉiam estis pravigita per la «pacigado»: la konkero mem estis faro de pacigo laŭ la imperiala ideologio de la konkerantoj.
Usono iris al Irako cele porti la pacon, kvankam ĝi ne estu akceptata de plejparto el ĝiaj loĝantoj. Sed la mesaĝo estis adresita al ĉiuj arabaj kaj muzulmanaj landoj ĝenerale. Okupinte Afganion kaj Irakon, Usono posedas reton da militistaj bazoj de kie ĝi kontrolas tutan MezOrienton kaj CentrAzion. Kompreneble, la popoloj de la regiono ne facile akceptos ĉi tiun situacion de dependeco, kaj Usono devos sin dediĉi al konstanta subpremado en sia tuta imperio, kio evidentigos la kontraŭdiron inter imperiismo kaj demokratio.
Alia opono venos ankaŭ el la propra usona popolo. Sed la usonaj regantoj kaj la grandaj financaj grupoj, kiuj premas ilin, iras al ilia intereso. Ili jam estis konkerintaj la grandajn naftajn rezervojn de Afriko en Angolo, Gabono, Nigerio, Gvineo, kaj nun ili superregas tutan MezOrienton kaj CentrAzion, t. e. la iamajn aziajn respublikojn de Sovetunio. Tiele, la granda venkito de la Iraka milito estas Eŭropo, ĉar ĝi dependos el Usono por la naftoprovizado. Iuj eŭropaj regantoj –tute ne Aznar- estis konsciaj pri tiu realo kaj pro tio ili intencis eviti la militon. Ili ne sukcesis en tio kaj la konkludo estas ke Eŭropo ĉesis esti ebla minaco por la ekonomia superregado far Usono.

D. Revene al la olda teologio de liberigo, kiu estas via centra mesaĝo en la lasta libro «La Vojo»?

R. La celo de la libro estas klare apartigi tion, kio estas kristana el tio kio estas religia. «kristano» estas la mesaĝo de JesuKristo, kiu ne estas religia, ne kreas iun novan religion, ne kreas ian religian agadon, sed male, tute detruas la religion de sia popolo. Ja, la personoj bezonas religion, publike esprimi religian senton, sed tio ankoraŭ ne estas la kristanismo. La Eklezio trapasadis laŭlonge de la historio tra kelkaj fazoj: ĝi reenkondukis la Antikvan Testamenton kreante la sacerdotojn kaj reinterpretante la Eŭkaristion kiel ofero; poste ĝi asimilis ankaŭ grandparton el la romia sistemo, la publika religio serve de la ŝtato kaj praviganta ĉi tiun; ĝi enkondukis ankaŭ grandparton el la religio de la germanaj popoloj, el kiu ŝanĝis tre malmulte. La programo de la Papo Gregorio rekomendis al la misiistoj, kiujn li sendadis al Anglujo, sekvan taskon: «Vi iros al la sanktejoj de la paganoj, forigos la idolojn kiujn ili kultas kaj anstataŭigos ilin per figuroj de la sanktuloj». Kaj fakte ili daŭrigis ilian tradician religion kun kristana tegaĵo.
Dum jarcentoj, ekde la alta Mezepoko, oni plenumis tiun aranĝon, kiu, kompreble, faciligis la konkeradon de la eŭropaj ŝtatoj. La episkoparo fermas la okulojn kaj por ili sufiĉas ke la personoj ĉeestu la meson, estu baptataj kaj ricevu la eksteran signon de la Eklezio; sed la praktikata religio, estas tiu de la sanktuloj, iu nova esprimo de iliaj tradiciaj spiritoj, kaj ne la mesaĝo de Jesuo. Tio ne estas kristanismo.

D. Tiukaze, laŭ vi, kiu estas nuntempe tiu vojo de Jesuo?

R. La vojo de Jesuo povas esti esprimata per tri elementoj:
a) La espero, t. e. la espero ke ne nur alia mondo eblas, sed ke ĝi komenciĝas nun. Temas pri movado de ega penado, kiu pasas tra la kruco, tra la enormaj bataloj kiuj povas okazi, sed kie ni havas la konvinkon ke ni estas konstruantaj novan mondon. Ĉi tiu estas la temo de la espero.
b) La elemento de la fido, ĉar ni ricevis la Dian Spiriton, kiu donas al ni forton por labori en la espero. Pro tio la fido estas konfido pri ni mem, ĉar tio kion la malriĉuloj pli bezonas estas la konfido pri si mem, la sento ke ili kapablas konstrui la regnon ĉi tie kaj nun; ja tio estas la revelacio de Jesuo: «La Sankta Spirito venos kaj faros pere de vi pli grandajn farojn ol tiuj kiujn faris mi». Tio estas, la spirito igos vin liberaj, kapablaj agadi, krei kaj renovigi la vivon.
c) La amo, la kunvokiĝo por formi iun fratecon inter la homaj estaĵoj. Tiu estas la fundamenta alvokiĝo de la kristana mesaĝo, kiel diras Sankta Paŭlo: «La fido kaj la espero pasos, ĉio cetera pasos, la sola afero kiu plurestos estas la amo». Do, post la morto, la sola afero kiu plu daŭros estas la amo. La amo, kio estas io konkreta: sin meti serve de alia, de aliaj, ĉefe de tiuj kiuj spertas neceson. Tiel do, «tie, kie ekzistas amo, tie ĉeestas la Dia Regno».




# LA EKSPLODO DE LA MALORDO

## La metropolo kiel scenejo de la tutmonda krizo

**Aŭtoro:** **Ramón Fernández Durán**
**Eldonejo:** **Fundamentos**
**Jaro:** **1993**
**Paĝoj:** **444**
**Prezo:** **17,90 €**

La nuntempa produktad-modelo, kiu sin altrudas kaj respondas al la interesoj de la tiel nomataj landoj de la Centro, generas, en ties disvastiĝado tra la tuta planedo, iun laŭŝajnan ordon kiu pli kaj pli provokas pli grandan ekonomian, socian kaj naturmedian malordon.
Ĉi tiu malordo estas jam plene perceptebla en la teritorioj de la Sudaj kaj Orientaj Periferioj, kie, multkaze, rompiĝas la ŝtataj strukturoj de superregado kaj tre altgrade plikreskiĝas la socia malregadebleco. Sed la “Norda” fortreso, kiu sin defendas ĉiurimede antaŭ la amasa lavango de mizeruloj de la Periferio, ne restos sendamaĝa. La ekonomia kreskado de la okdekaj jaroj disrompis siajn sociajn strukturojn, pliakrigante ĝis neimagebla grado la malegalecon je rento kaj socia marĝeniĝo.
Tiu ĝenerala malordo ĉefe manifestiĝas en la metropoloj, tiel en tius de la Centro kiel en tius de la Periferio, eĉ se ĝi havas malsamajn karakteraĵojn en ambaŭ kazoj. Kaj en tiuj metropoloj la malordo intensiĝos laŭmezure ke la modelo pli kaj pli kolizios kun la diversaj limoj kiujn ĝi atingos dum la sekvaj jardekoj.
Nepras, do, intenci bremsi la katastrofon. Kaj por tio estas necese, laŭ la aŭtoro, intenci transformi la neregadeblecon al antagonismo, kontraŭmetante propran projekton al la projekto de la Povo, de la Sistemo. Sed sciante ke finiĝis la optimismo pri la pozitiva evoluo de la historio, kaj la fido en la industria proletaro kiel sola subjekto de ebla tranformado, dotita de iu historia celo plenumenda. Nur ekde profunda pesimismo pri la estonteco, ekde la akcepto de la multeco de la eblaj subjektoj de rezistado kaj transformado, kaj ekde ia fronta opozicio al la teorio de la kapitalisata moderniĝo kiu permesus aŭtonoman socian rekonstruadon, eblos ellabori novan antagonisman projekton kiu ebligos la modifon de la konscienco, unika formo entrepreni la ŝanĝadon de la realaĵo kiu ĉirkaŭas nin.
Menciindas ke ĉi tiu libro estis eldonita jam en la jaro 1993, do pli ol unu jardeko antaŭ la komenciĝo de la ekonomia krizo kiun ni travivas nun. Tamen, la aŭtoro klare identigis kaj ĝust-taksis la elementojn, aŭ multajn el ili, kiuj rezultis decidaj komponaĵoj de la krizo. Do, por tiuj kiuj volis lerni tiam la realan staton de la socio en kiu ili vivis, la alveninta krizo tute ne estis surprizo.
En kio rilatas al la energi-fontoj la libro estas speciale pesimisma konsiderante la nepran estontan elĉerpiĝon de la krud-materialoj. En la epoko, kiam la libro estis verkita, la tekniko ne estis sufiĉe disvolvigita por prikonseri, kiel oni faras nun, la alternativon de la hidrogeno ellaborata surbaze de suna energio.



**Ramón Fdez. Durán**, Sperta fakulo pri eŭropaj temoj kaj de la tutmonda kapitalismo, hidrokarbidoj, urb-planismo, ekologio, inter aliaj movadoj, kaj aŭtoro de multenombraj libroj kaj artikoloj, estas Civila Inĝeniero, membro de Ekologiistoj aktivistoj, profesoro kunlaboranto de la Universitato Karolo la 3a, sociala aktivisto de antaŭ pli ol tri jardekoj. Lia verkaro pritraktas la problemaron de la ekonomio, ekologio, elĉerpiĝo de krud-materialoj…

# LA GRANDA FINANCA KRIZO

## Kialoj kaj sekvoj

**Aŭtoroj:** John Bellamy kaj Fred Magdoff
**Eldonejo hispana traduko:** Fondo de Cultura Económica
**Jaro:** 2009
**Paĝoj:** 228
**Prezo:** 15 €

LA GRAN CRISIS FINANCIERA
CAUSAS Y CONSECUENCIAS
JOHN BELLAMY FOSTER Y FRED MAGDOFF






La teksto de la libro estas konstituita de serio da artikoloj kiujn la aŭtoroj verkis por la revuo Monthly Review ekde meze de 2006 ĝis la fino de 2008, t. e. dum la jaroj kiam okazas la eksplodo kaj ekspansio de la krizo. Monthly Review estas monata revuo lidera de Maldekstro en Usono ekde 1949.
La libro konsistas el du partoj: kialoj kaj sekvoj de la krizo. La analizo de la kialoj komenciĝas per ĉapitro dediĉita al "La bobelo de la enŝuldiĝo". Ĝi eksplikas kiel la usona kapitalismo intencis solvi la kontraŭdiron kiun enhavas la stagnado de la salajroj fronte al la neceso garantii la konsumon de amasoj kiel nutraĵon por la ekonomia kreskado kaj la investado. Tiun kontraŭdiron oni povis provizore moderigi per la enŝuldiĝo de la familioj. Plejparto el tiu ŝuldo rilatis al la loĝejo. La malaltaj interesoj post la krizo de la jaro 2000 tentis la laboristajn familiojn pli kaj pli hipotekiĝi, kio permesis financi la elspezojn. La amasa plikreskiĝo de la ŝuldo de la familioj estis, do, la plej grava faktoro de la usona ekonomio por provizore eviti la merkata depresio.
La dua ĉapitro, "La eksplodo de la ŝuldo kaj la spekulado", intencas ligi kun la pripensoj rilate al la ĝenerala tendenco de la matura kapitalismo al la "stagniĝo". Stagniĝo, laŭ la aŭtoroj, ne signifas ke ne ekzistas kreskado, sed ke la ekonomio funkcias sube de sia eblo, kun produktiga kapablo nelabora kaj kun granda senlaboreco kaj sublaboreco. Tiamaniere la kapitalismo de la landoj de la Centro perdas parton el ĝia komenca vigleco kiam finiĝas la periodo de konkurado. La stagniĝo enportas malakceliĝo de la produktiga investado, kiu venas akompanata de la kreskado de "rezidua" agado, kiel la produktado de armiloj. Ekde tiu vidpunkto la aŭtoroj ekzamenas la historian malpliiĝon de la produktiga investado kaj la plikreskado de le ekonomia spekulado en Usono. El tio ili konkludas ke konsiderinda parto el la ŝuldo ne estis investita por la produktado sed por nutri la spekuladon kiu ne utilas por stimuli la produktadon. Kaj tio ne garantias stabilan funkciadon de la sistemo.
En la 3a kaj 4a ĉapitroj la aŭtoroj esploras la fenomenon de la amasa kreskado de la financa kaj spekulanta kapitalo dum la lastaj 30 jaroj kaj konkludas ke tio konstituas novan fazon, kiun oni povas nomi kiel de la "financa monopolista kapitalo".
La dua parto, kiu pretendas priskribi la sekvojn de la krizo, reale dediĉiĝas al la analizado de la fazoj de formado de la bobelo kiu okazigis la krizon. La aŭtoroj de la libro faras la analizadon de la krizo startante de teorio nomata "tezo de la stagniĝo" interpretante la krizon kiel manko de solventeco, ne kiel problemo de pagkapablo.
Eble la parto de la libro dediĉita al la proponoj estas la plej febla. Ĝiaj alternativoj konsistas el nuraj ĝeneralaj pripensoj pri la neceso de la politika ekonomio kaj la batalo por la socialismo.


John Bellamy
Fred Magdoff

La aŭtoroj de ĉi tiu libro estas usonaj universitataj profesoroj, marksistoj kaj verkistoj de multenombraj artikoloj, eseoj kaj libroj pri ekonomio, sociologio, ekologio, politiko…
Grandparto el ilia verkaro estas dediĉata, precize, al la studo de la nuntempa ekonomia krizo kaj la kaŭzoj kiuj provokis ĝin.

PAUL KRUGMAN
PREMIO NOBEL DE ECONOMÍA 2008
EL RETORNO DE LA
ECONOMÍA DE
LA DEPRESIÓN
Y LA CRISIS ACTUAL
CRÍTICA

# LA REVENO DE LA EKONOMIO DE LA DEPRESIO KAJ LA NUNA KRIZO

**Aŭtoro:** **Paŭl Robin Krugman**
***(NobelPremio pri Ekonomiko en 2008)***

**Eldonejo:** **Crítica**

**Jaro:** **2009**

**Paĝoj:** **204**

**Prezo:** **19,50 €**



**Paul Robin Krugman,** naskiĝis en 1953. Li estas usona ekomikisto kaj ĵurnalisto proksima al la novkejnsa teorio. Nun li estas profesoro de Ekonomio kaj Internaciaj Aferoj en la Universitato de Princeton. En 2004 li ricevis la Premion “Princo de Asturio” de Sociaj Sciencoj kaj en 2008 la NobelPremion pri Ekonomiko.
Krugman estis tre kritika kun la ekonomia politiko la administracio de G. W. Bush. Li ankaŭ estas aŭtoro de gravaj verkoj: 200 artikoloj kaj 21 libroj. Li sciis kompreni kiom multe la ekonomio estas politika, t. e. la interesoj kaj fortoj kiuj moviĝas kaŝfone.

«Dum la lastaj jaroj –diras la aŭtoro- la ekonomioj de sep landoj kiuj koncentras kvaronparton el la tutmonda produktado spertis ekonomian recesion kiu tre similas al la granda depresio de la tridekaj jaroj. Same kiel tiam, la krizo aperis subite meze de serena ĉielo, dum plejparto el la spertuloj daŭre prognocadis senĉesan prosperon, eĉ kiam la recesio akcentiĝis. Same kiel tiam, la konvenciaj ekonomikaj solvoj evidentiĝis senefikaj, eĉ damaĝaj… La fakto mem ke io simila povus okazi nuntempe devus timigi ĉiujn, kiujn estas konsciaj pri la historio». Paul Krugman, profesoro de la ***Massachusetts Institute of Technology*** per tiu ĉi verko oferas al ni profundan analizon de la krizo kiu komenciĝis en Japanio somere de la jaro 1997, etendiĝis poste al Rusio kaj LatinAmeriko kaj restas ankaŭ kiel latenta minaco, por ekspliki al ni tion, kio okazis, detekti la faritajn erarojn kaj montri ke, same kiel en la tridekaj jaroj, la plej granda minaco, kiun ni devos alfronti estas la eraraj ideoj kaj la eksvalidaj doktrinoj kiuj plenigas nian menson.

La libro estas klara kaj facile komprenebla, destinita al ĉiuj kiuj deziras koni la evoluon de la tutmonda ekonomio dum la lasta jardeko kaj kompreni la kompleksajn sekvojn de la tutmondiĝo. Tio, kio estis malproksima fenomeno, nun la ekonomia kaj financa krizo tutmondiĝas kaj ĝia origino troviĝas en la ekonomia koro de la planedo: Usono. Tio, kion ni pensis ke ne povus okazi, okazis. La epoko de prospero malaperis kaj nun la dubo estas ĉu ni troviĝas antaŭ recesio aŭ antaŭ (ĉu granda?) depresio.

La libro, efektive, estas analiza traktato. Ne tiel okupiĝas pri tio kio okazis kiel pro kio ĝi okazis; tio, kio gravas kompreni estas kiel povis okazi ĉi tiu katastrofo, kiel ni povos rekuperiĝi kaj kiel ni povos eviti ke ĝi ripetiĝu. Ankaŭ oni devas danki al Krugman la lingvo-stilon uzita en la libro, kiu permesas ĝian legadon al ĉiu ajn persono.

Komencas sian libron Krugman analizante tion kio okazis en la latinamerikaj krizoj okazintaj ekde la fino de la okdekaj jaroj, en la krizo de Japanio (kiu daŭras ekde la komenciĝo de la naŭdekaj jaroj) kaj en la azia bankroto en 1997.

Lecionoj el kiuj oni devus lerni, tiel la manieron eviti unu krizon, kiel ĉu la agadon kiun oni faris (aŭ oni ne faris) estis ĝustaj por ĝin solvi. Sed tio estis okazanta en la periferio kaj la ekonomia centro sin sentis imuna kaj sin taksis eksterdanĝera rilate al tiutipaj pertutboj (bankrotoj, prezo de la terenoj kaj intereza procento…). Verdire, oni estis generante multe pli grandan malĝustaĵon en la kerno de la sistemo. Krugman analizas la originon de la problemo.

Estas necesaj financaj reformoj. Plej urĝas rekuperi la krediton kaj la konfidon por reimpulsi la aĉetemon. Tiujn kaj aliajn solvojn, kiel ŝanĝojn en la funkciado de la Tutmonda MonFonduso, rekomendas la aŭtoro.



# LA MALĜUSTIĜO DE LA MONDO

## Kiam niaj civilizacioj kadukas

**Aŭtoro:** **Amin Maalouf**

**Tradukis al la hispana:** **María Teresa Gallego Urrutia**

**Eldonejo:** **Alianza Editorial**

**Jaro:** **2009**

**Paĝoj:** **312**

**Prezo:** **20 €**

Amin Maalouf



El desajuste del mundo

Cuando nuestras civilizaciones se agotan

Alianza Editorial



**Amin Maalouf,** naskiĝis en Libano, en 1949. Li studis ekonomion, politikon kaj sociologion. Li laboris en la ĵurnalo ***An Nahar*** kiel responsulo de la internacia sekcio, kaj kiel tia li vojaĝis al landoj kiel Etiopio, Somalio, Bangladeŝo kaj Vjetnamio. En 1975, kiam eksplodis la milito de Libano, li ekziliĝis al Francio kie li laboris kiel ĉef-redaktoro de la revuo ***Jeune Afrique***. Nuntempe li dediĉiĝas nur al la literatura kreado. Li kultivas la rakontado, eseo kaj la opero. Inter la premioj kiujn li ricevis, distingindas la ***Maison de Presse***, pro lia novelo ***Samarkando***, la ***Goncourt***, pro ***La roko de Tanios kaj Princo de Asturio al Beletro 2010***.

La libro ne estas plendediĉita al la ekonomia krizo kaj problemaro, kvankam ĝi sufiĉe pritraktas ankaŭ tiun temon. Sed la verko estas trarigardo al plej ampleksa problemaro de la homaro. Tiuj, kiuj atendis por la jarmil-ŝanĝo mondskalan naturan katastrofon povis trakviliĝi konstatinte ke la vivo pludaŭris same. Dek jarojn poste, ni povas fari bilancon kaj konstati ke la homo tre lertas por generi ĥaoson per si mem. La planedo eniris en periodon de malkonfido inter kulturoj, trairas terurajn ekonomiajn perturbojn, suferas mankon de intelekta lidereco kiu metu finon al situacioj de ekskludado kaj, kiel rezulto de amaso de nekompetenteco kaj nerespondeco, ĝi atingis erodo-punkton kaj eluzon de la naturmedio kiu povus este nerenversigebla. La kompaso de la homaro ŝajnas senmagneta, ĝi montras neniun rumbon. La 21a jarcento komenciĝis kun rimarkindaj simptomoj de suferado de seriozaj malĝustiĝoj. Intelekta malĝustaĵo, konkretita en priidentecaj certigoj kiuj malfaciligas ĉiun harmonian kunekzistadon kaj ĉiun veran debaton. Ekonomia kaj financa malĝustiĝo, kiu trenas la tutan planedon al iu zono de perturboj kun neantaŭvideblaj sekvoj kaj kiu estas per si mem simptomo de perturbo de nia sistemo de valoroj. Klimata malĝustiĝo, rezulte de amaso da eraroj.

La aŭtoro analizas historiajn eventojn sed li ne startas de antaŭlongaj inicoj de la konfliktoj. Male, Maalouf komencas sian raportadon proksimume meze de la pasinta jarcento. Li sin demandas ĉu la homaro atingis la pinton de sia morala nekompetenteco, kaj li intencas kompreni kaj ekspliki kiel oni alvenis al tiu situacio kaj kiel oni povus eliri el ĝi. Laŭ li, la malĝustiĝo de la mondo ne tiel rilatas al la «kolizio de civilizacioj» kiel al la samtempa kadukiĝo de niaj sociaj modeloj. La civilizacioj pri kiuj li ĉefe atentas estas la okcidenta kaj la araba-muzulmana. Al Okcidento, Maalouf akuzas esti malmulte fidela al siaj propraj valoroj. Al la muzulmana mondo, li kritikas esti enfermita en sia historia malsukceso. La kritikoj al Okcidento, do, ne estas pri altrudo de ties valoroj, sed ĝuste male, pro tio ke ne faras tion. Valoroj kiel la libereco aŭ la egaleco havas universalan karakteron kaj ne povas esti submetitaj al kulturaj interpretoj aŭ especifaĵoj. En la rilatoj inter Okcidento kaj aliaj kulturoj, tiuj valoroj ne estis uzitaj; uzis ilin la elitoj de tiuj landoj kontraŭ la okcidenta superreganto. Tamen la konduto de Okcidento ne permesas senkulpigi ĝin.

Spite al la ŝajna pesimismo de sia rezonado, la aŭtoro ne alvenas al totala malespero. Laŭ li, la ĥaosa periodo kiun ni travivas povus alkonduki nin ellabori pli maturan vidon de niaj identecoj, de niaj religiaj kredoj, de niaj diferencoj kaj de la destino de la planedo kiun ĉiuj ni kunhavas.

# Estas la Revolucio!

*Verkis:* **Faustino Castaño**



En monato Majo, kiam jam estis preta la cetera materialo de ĉi tiu revuo, komenciĝis en Hispanio kolosa popola mobilizo kies kulminon oni ne antaŭvidas en la momento efektivigi la eldonon de ĉi 86a numero de **HELECO**. La ĉefa temo de tiu ĉi gazeto estas la tutmonda ekonomia krizo kiu tre damaĝe efikas kontraŭ nia lando, kontraŭ ĉiuj landoj kaj popoloj. Unu el la lastaj artikoloj de nia studo titoliĝas **KION FARI?** kaj sugestas ke estas necese organizi la rezistadon kaj mobilizi la socion fronte al la kontraŭsociaj disponoj de la financfakuloj. Tiu artikolo finiĝas deklarante ke urĝas trovi kaj enkonduki alternativon al ĉi tiu senracia ekonomia sistemo: la kapitalismo.

Nu, ŝajnas kvazaŭ la nuntempa mobilizado de multaj miloj da gehispanoj, ĉefe junaj, estus respondo al la supre menciitaj pripensoj. Kaj ŝajnas ke la afero estis sufiĉe spontana, ne organizita. La amasa popola plendo havis, ja, inicintojn, sed ne organizintojn. Ĉiuj revolucioj alportas ian neatenditan elementon kiu surprizas la defendantojn de la sistemo kaj malpermesas al ĉi tiuj reagi sufiĉe frue por bremsi la aferon dekomence.

Ĉar temas pri vera Revolucio. Vera Revolucio estas tiu kiu subite respegulas drastan ŝanĝon en la pensmaniero de la amasoj kaj samtempe kontribuas pliampleksigi tiun ŝanĝon. Multaj personoj kiuj pasadas sian vivon sopirante al la revolucio kaj penante organizi ĝin, fine ne rekonas ĝin kiam la revolucio prezentiĝas per si mem laŭ maniero tute neatendita, t. e. la maniero laŭ kiu prezentiĝas ĉiu revolucio, ĉar la pripensitaj kaj atenditaj manieroj ne estas eblaj ĝuste pro tio ke la konservativaj fortoj baras la supozitajn vojojn.

Laŭ la mensa skemo de multaj personoj, tiel inter la revoluciaj kiel inter la konservativaj fortoj, la revolucioj estas klasifikeblaj en du grupoj: tiuj kiuj sukcesas kaj tiuj kiuj fiaskas. Kaj sukcesaj revolucioj estas tiuj kiuj provokas la disfalon de la ĝis tiam regantaj fortoj kaj ties anstataŭo fare de la revoluciuloj. Saman skemon oni uzas por pritaksi la kontraŭrevoluciojn. Mi intencos montri ke tiu mensa skemo estas erara. Multaj revolucioj (kaj ankaŭ kontraŭrevolucioj) plenumas sian rolon ŝanĝi la situacion kvankam laŭŝajne la afero rezultas sufokita far la ĝistiamaj kontrolantoj de la povo. Por tion vidi estas necese montri kelkajn historiajn ekzemplojn.

Dum la jaroj 1956 al 1962, en Hispanio, tiam dum la faŝista diktaturo de F. Franko, okazis en la universitatoj grava mobilizado de la gestudentoj, kaj ankaŭ grandaj strikoj de laboristoj, ĉefe en iuj regionoj kiel Asturio kaj Katalunio. Tiun procezon neniu difinus kiel “revolucio”, kaj se iu kuraĝus asigni tiun titolon al la tiama mobililizado sendube tiu sin sentus devigita aldoni ke la revolucio malsukcesis. Ja, la frankismo daŭris post tio ankoraŭ 15 jarojn kaj dum tiu periodo la politika reĝimo sufiĉe bonfartis. Kaj tamen ĝi estis jam kadavro. La mobilizado de la jaroj 1956 al 1962, eĉ se la reĝimo sukcesis sufoki ĝin, montris ke la frankismo havis kotajn piedojn, ĉar ampleksaj sektoroj de la hispana socio neadis legitimecon al tiu reĝimo. Plejparto

el la homoj de la novaj generacioj de ĉi tiu lando ne rekonis tiutipan povon. Do, la heredintojn de tiu povo devis manovri por efektivigi politikajn ŝanĝojn kiuj rezultus pli akcepteblaj por plejparto el la gehispanoj.

La Franca Revolucio de la jaro 1789 estas klasifikita inter la venkintaj revolucioj, kvankam fakte, post kelkaj jaroj tute malaperis la rezulto de tiu venko kaj revenis la reĝa povo al tiu lando. Sed oni devas atenti pri tio ke la decida faktoro de la venko de tiu revolucio ne estis la alpreno de la politika povo far la burĝaro kontraŭ la aristokrataro, nek la teroro kaj la gilotino de la revoluciaj jaro, ĉefe 1793, nek la senkapigo de la Reĝo Ludoviko la 16a kaj ties edzino Maria Antonieta, kaj eĉ ne la solena kaj fama Deklaracio de la Rajtoj de la Homo kaj la Civitano. Ĉio ĉi estis sekvoj, rezultoj de la Revolucio, sed ne faktoroj de la venko de la Revolucio. La vera faktoro de la revolucia venko estis la ŝanĝo kiu estis okazinta en la menso de senĉemizuloj (sans-kulots) de Parizo. La okazintaĵo kiu montris ke la pensmaniero de la francoj estis ŝanĝiĝinta estis la alsalto de la Pariza loĝantaro al la Bastilo. La fakto mem ke tiu alsalto okazis, kvankam ĝi ne estus rezultinta sukcesa, montras ke la francoj estis ĉesintaj kredi je la reĝa povo kaj la Dia Rajto sur kiu la reĝoj intencis bazi sian legitimecon. Estas kondamnita al la disfalo kaj malapero tio pri kio la popolo ĉesas kredi.

Io simila oni povas diri pri la Revolucio en Rusio. Tiu de la jaro 1905 estas klasifikita, laŭ la klasika skemo, kiel fiaskinta, kaj tiuj de la jaro 1917 (en Februaro kaj en Oktobro), kiel sukcesintaj. Sed la decida ŝanĝo estis okazinta la 9an de Januaro de la jaro 1905, la t.n. "sanga dimanĉo". Tiutage okazis manifestacio organizita de la car-lojala popo Georgij Gapon esperante, ke li povus rekte transdoni la peticion de la laboristoj al Nikolao la 2a, kaj gvidis la 80-140 mil partoprenantojn, al la antaŭaĵo de la Vintra Palaco. La marŝantoj kunportis krom la peticio ikonojn kaj bildon de la caroj. En la peticio ili postulis 8-horan labor-tagon, egalecon antaŭ la juĝinstancoj, respondecon de la ministroj, konsciencan liberecon kaj amnestion. Tiu komence paca manifestacio en Sankt-Peterburgo, finiĝis en amasmurdado de senarmilaj, rusaj popolanoj. Per tiu perforta ago de la cara aŭtoritato la rusa monarĥo perdis la fidon kaj estimon de siaj regatoj kaj la legitimecon regi ilin. Kvankam la movado estis tiele sufokita, la rusa monarkio restis kondamnita al pli malpli frua malapero. Eĉ se la bolŝevistoj ne estus atinginte la povon en 1917 la falo de la caroj estis nerenversigebla. Fakte, kvankam jam ne plu ekzistas en tiu lando la komunista reĝimo, neniam la caroj reakiris la povo tie. La rompiĝo inter la caro kaj la rusa popolo okazis en la menso de la rusaj popolanoj.

Oni povus prezenti multajn aliajn ekzemplojn. Mi nur prezentu plurajn por montri ke same okazas kun la kontraŭrevolucioj. La fakto ke la trupoj de la Varsovia Kontrakto sukcesis sufoki kelkajn kontraŭsovetajn movadojn (Hungario-1956, Ĉeĥoslovakio-1968…) ne atestis pri la forto sed pri la febleco de la komunistaj reĝimoj en Orienta Eŭropo. Vidante tiujn okazintaĵojn kaj tiujn aliajn de Polujo en 1981-1982, oni povus prognozi tiam ke la komunistaj reĝimoj ne havus brilan estontecon en tiu terzono. Ja, la jaro 1990 vidis la disfalon de tiu sistemo spite al ĝia ŝajna potenco. En la menso de grandparto el la loĝantaro de tiuj landoj jam estis okazintaj la ŝanĝoj favoraj al la kapitalismo, kaj la fiasko de la okazintaj kontraŭrevolucioj estis nur provizora prokrastiĝo de la fina rezulto.

Estas tre altsignifa ankaŭ la fakto ke dum tiuj kontraŭrevolucioj sukcesis en Orienta Eŭropo, en Ĉinio, en la jaro 1989, estis perforte sufokita, en la Pekina Placo de Tian-An-Men, movado simila al tiuj kiuj venkis en Eŭropo. La komunista reĝimo de Ĉinio rezistis, la kontraŭrevoluciuloj estis masakritaj, La Komunista Partio de tiu lando daŭre kontrolas la povon, kaj tamen… la kapitalismo en tiu lando estas pli forta kaj potenca ol ĉie ajn en la mondo. La kontraŭrevolucio, la kapitalismo, venkis en la menso de la ĉinoj spite al la fiasko de Tian-An-Men.

Nu, venas la momento ekzameni tion, kio estas okazanta en Hispanio. La miloj da gehispanoj kiuj mobiliziĝas ĉi tagoj scias ke en nia lando "la demokratio ne funkcias", tiele diras unu el la sloganoj kiujn ili krias kaj afiŝas. Aliaj sloganoj estas: "reala demokratio, jam", "oni metu finon al la privilegioj de la politikistoj", "alia mondo eblas", "pli gravas la personoj ol la merkatoj", "pluan paŝon al pli bona mondo", "socia revolucio, jam", "oni metu finon al la korupteco de la politika klaso", "la kapitalismo ne estas en krizo, ĝi estas la krizo"…

Pli kaj pli da personoj en Hispanio alvenis al la konkludo ke la du ĉefaj partioj de nia du-partia sistemo fakte havas saman politikon, kontraŭsocian politikon. Oni petas, interalie, ke la sistemo de voĉdonado estu pli proporcia, vere proporcia. En Hispanio la afero de la voĉdonado estas aranĝita tiameniere ke nur la partioj de la sistemo povas atingi sufiĉe da politika povo por regadi la landon. Ambaŭ partioj estas burĝaj kvan-kam unu el ili nomiĝas **Hispana Socialista Laborista Partio**. Krome ekzistas en iuj regionoj iuj partioj, sufiĉe majoritataj tie, kiuj estas naciismaj, sed ankaŭ ili burĝaj. Kaj la pribalota sistemo funkcias per mon-elspezado, kiun povas permesi al si nur la burĝaj partioj. Krome la partiaj kandidataroj por voĉdonado estas decidataj de la propraj partioj. La voĉdonantoj ne povas elekti la preferatajn ene de la listo de ĉiu kandidataro. Se oni ne prenas konvenajn disponojn tiurilate riskas ke pli kaj pli da gecivitanoj perdu la fidon kaj la intereson pri la balotoj. En la balotado de la 22a ĉimonate estis 33 procento da sindeteno aŭ nevoĉdonado. Se tiu procezo plu daŭras sensolva, povos okazi ke laŭ la pasado de la tempo la popolo forlasados la balotejojn same kiel estas forlasante la preĝejojn de la Rom-Katolika Eklezio, alia organizaĵo serve de la kapitalisma sistemo.

Resume. Mi kuraĝas konkludi ke la ŝanĝoj kiujn oni perceptas en la pensmaniero de sufiĉe grava parto el la hispana loĝantaro promesas kaj anoncas la finon de la sistemo tia kia ĝi estas nuntempe, kaj tio sendepende de la disvolviĝo de la movado mem kaj de la perforto kiun oni povos aranĝi kontraŭ ĝi.

# Kuirante kun Pilar



## Krem-tubetoj

**Ingrediencoj por la pasto**

**750 gramoj da faruno**
**100 gramoj da oleo**
**100 gramoj da blanka aŭ dolĉa vino**
**100 gramoj da lakto**
**Iomete da Salo**

**Ingrediencoj por la kremo**

**3 kuleretoj da maizfaruno**
**1 litro da lakto**
**2 ovo-flavoj**
**250 gramoj da sukero**

### ELLABORADO

**Unue oni preparas la pastajn tubetojn, jene: Varmigu paton kun oleo kaj citrona ŝelo. Poste oni lasas ĝin malvarmiĝi kaj tiam oni miksas kaj knedas la ingrediencojn de la pasto. Sekve oni envolvu la paston ĉirkaŭ cilindro por doni al ĝi tuban formon. Fritu la pastajn tubetojn.**
**Sekve oni preparas la kremon tiele: Oni varmigu la lakton kun iomete da cinamo, citrona ŝelo kaj la lakto. En aparta ujo oni metas iometon da malvarma lakto por dissolvi en ĝin la maizfarunon kaj la ovoflavojn. Kiam la cetero el la lakto bolas oni aldonu al ĝi la enhavon de la alia ujo kaj oni lasas ĉion boli dum iometa plua tempo. Kiam la kremo estas malvarma oni verŝas ĝin en la pastajn tubetojn.**




# Dek reguloj por manipulado pere de amas-informiloj



**1. La strategio de la distrado.**

La ĉefa elemento de socia kontrolo estas la strategio de distrado konsistanta en la devojigo de la atento de la publiko el la gravaj problemoj kaj la ŝanĝoj deciditaj de la politikaj kaj ekonomiaj elitoj, pere de la tekniko de superŝutado de senĉesaj distraĵoj kaj sensignifa informado. Tiu strategio same estas nepre necesa por eviti ke la publiko interesiĝu pri esencaj konoj en la tereno de la scienco, la ekonomio, la psikologio…

Teni la publikan atenton for de la sociaj problemoj, allogita de negravaj temoj. Tenadi la publikon okupita, okupita, okupita, sen ajna tempo por pensado…

**2. Krei problemojn kaj poste oferi solvojn.**

Ĉi tiu metodo estas nomata “problemo–reago–solvo”. Oni kreas problemon, iun elpensitan situacion por okazigi ian reagon far la publiko, cele de ke ĉi tiu mendu la solvojn kiujn oni volas akceptigi. Ekzemple: lasi disvolviĝi aŭ intensiĝi la urba perforto, aŭ organizi sangajn atencojn, cele de ke la publiko estu la mendanto de leĝoj pri sekureco aŭ politikaj domaĝe al la libereco. Aŭ ankaŭ: krei ekonomian krizon por igi akcepti kiel necesan malbonaĵon la retroiron de la sociaj rajtoj kaj la detruon de la publikaj servoj.





**3. La strategio de la laŭgradeco.**

Por ebligi ke oni akceptu ian neakcepteblan disponon, sufiĉas apliki ĝin laŭgrade, iom-post-iom, dum sinsekvaj jaroj. Tiamaniere sociekonomiaj kondiĉoj radikale novaj (novliberalismo) estis truditaj dum la jardekoj de 1980 kaj 1990: minimuma ŝtat-interveno, privatigoj, labora malstabileco kaj necerteco, amasa senlaboreco, salajroj nesufiĉaj por deca vivmaniero… tiom da ŝanĝoj kiuj estus provokintaj revolucion se oni estus aplikinte ilin dekomence.

## 4. La strategio de preterlaso.

Alia maniero igi akcepti nepopularan decidon estas prezenti ĝin kiel "doloran kaj necesan", atingante la publikan akcepton, momente, por estonta aplikado. Pli facilas akcepti estontan ol tujan malboniĝon. Unue, ĉar la penado ne okazas ankoraŭ. Poste, ĉar la publiko, la amaso, ĉiam emas naive esperi ke "morgaŭ ĉio iros pli bone" kaj ke la petata penado povos esti evitata. Tio donas al la publiko pli da tempo por alkutimiĝi al la ideo de la ŝanĝo kaj akcepti ĝin rezignacie kiam alvenos la momento.





## 5. Adresiĝi al la publiko kvazaŭ al infanaĝuloj.

Plejparto el la propagando adresita al la granda publiko uzas diskurson, argumentojn, figurojn kaj tonon infanecajn, plejofte proksimajn al febleco, kvazaŭ la spektanto estus infanaĝa aŭ mens-nematura. Ju pli oni volas trompi la spektanton, des pli oni emas alpreni infanigantan tonon. Kial? Se oni adresas al iu persono kvazaŭ ĉi tiu estus 12-jaraĝulo, tiam do, subinflue de sugestio, la persono tre eble rezultus inklina al respondo aŭ reago sen kritika senso, similaj al tiu de vera 12-jarulo.

## 6. Uzi la emocian aspekton prefere al la pripensado.

Fari alvokon al la emocioj estas tekniko por okazigi inhibicion de la racia analiz-kapablo kaj de la kritika senso de la personoj. Aliflanke, la uzado de la emocia kapablo permesas malfermi la pordon de alireco al la subkonscio por tien enplanti aŭ inserti ideojn, dezirojn, timojn kaj kompulsiojn, aŭ instigi kondutojn…





## 7. Teni la publikon en nescio kaj idioteco.

Klopodi ke la publiko estu nekapabla kompreni la teknologiojn kaj metodojn uzitajn por ĝia kontrolo kaj sklaveco. La kvalito de la edukado, informado kaj distrado destinitaj al la malaltaj klasoj devas esti kiel eble plej povraj kaj senkvalitaj, tiamaniere ke la distanco, rilate al la scio, inter la malaltaj kaj la altaj klasoj rezultu tute nesuperebla, neŝanĝebla.




## 8. Stimuli la publikon esti komplezema kun la vulgareco.

Promocii ke le publiko pensu ke estas laŭmoda la fakto esti stulta, vulgara, neklera…

## 9. Plifortigi la memkulpecon.

Igi la individuojn kredi ke nur ili kulpas pri ilia propra malsukceso, rezulte de ilia nesufiĉa inteligento, ilia malkapablo aŭ ilia manko de penlaborado, ke ili estas la responsuloj de ilia malfeliĉa stato.
Tiele, anstataŭ ribeli kontraŭ la ekonomia sistemo, la individuoj sin subtaksas kaj sin kulpigas, kio generas depresian staton, unu el kies efikoj estas la inhibicio de ilia agado. Kaj, sen agado, ne eblas revoluciado!

























## 10. Koni la individuojn pli bone ol ili mem konas sin.

Laŭlonge de la lastaj kvindek jaroj, la senĉesa progresado de la scienco kaj la tekniko generis ege kreskantan breĉon inter la konoj de la publiko kaj tiuj posedataj kaj uzataj de la superregantaj elitoj. Dank' al la biologio, la neŭro-biologio kaj la aplikita psikologio, la ”sistemo” ĝuis tre profundan konon pri la homa estaĵo, tiel de fizika kiel de psikologia vidpunkto, la sistemo sukcesis koni la ordinaran individuon pli bone ol ĉi tiu konas sin mem. Ĉi tio signifas ke, plejokaze, la sistemo efektivigas pli grandan povon kaj pli grandan kontrolon sur la individuoj, multe pli grandan ol tiu kiun la individuoj havas sur si mem.

# SUFERANTE KUN RIDETO
# LA PEZON DE LA HIPOTEKO






























# TRASUFERANTE HUMURE LA EKONOMIAN KRIZON




























